16 a JARO | JANUARO - MARTO 1925 | N. 1—3

# Brazila ★ Esperantisto

OFICIALA ORGANO DE

**BRAZILA LIGO ESPERANTISTA**

**Societo de publika utileco, laŭ registara dekreto N. 4356, 26 Oktobro 1921**

*Respondecа redaktoro (redactor principal)-s-ro Carlos Domingues.*

REDAKCIO—Praça 15 de Novembro, 101

RIO DE JANEIRO — BRAZILIO





**ALIĜU AL** via loka grupo, al Brazila Ligo Esperantista kaj al Universala Esperanto-Asocio (U. E. A.)

# BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

**(Liga Esperantista Brasileira)**

**B. L. E.**

*(Reconhecida de Utilidade Publica por Decreto n. 4356, de 26 de Outubro de 1921)*

Unuiĝo Kreas Forton

## ESTATUTOS

Art. 1º — A BRAZILA LIGO ESPERANTISTA (B. L. E.), fundada em 21 de Julho de 1907, com séde na cidade do Rio de Janeiro, tem por fim:

a) Dirigir a propaganda geral do Esperanto no Brasil;

b) Fazer propaganda do Brasil no estrangeiro por meio do Esperanto;

c) Colligar e auxiliar os grupos esperantistas;

d) Organizar regulamentos para exames de Esperanto e dar os respectivos diplomas;

e) Promover a creação de cursos superiores e por correspondencia;

f) Representar a opinião dos esperantistas brasileiros que lhe forem filiados;

g) Superintender a organização de congressos brasileiros de Esperanto;

h) Editar o BRAZILA ESPERANTISTO.

Art. 2º — A «Brazila Ligo Esperantista» consiste de:

a) Socios fundadores;

b) Socios isolados;

c) Socios bemfeitores;

d) Socios honorarios;

e) Grupos filiados (sociedades, associações, clubs, etc.).

§ 1º — São socios fundadores todos os que se achavam quites em 13 de Dezembro de 1913.

§ 2º — São socios isolados todos os que pagam uma contribuição annual de 5$000.

§ 3º — E' socio bemfeitor toda a pessoa que fizer á B. L. E. uma doação de, pelo menos, 200$000.

§ 4º — E' socio honorario toda a pessôa que prestar grandes serviços á B. L. E. Este titulo será dado por um congresso brasileiro de Esperanto.

§ 5º — São grupos filiados todos os que, acceitando este regulamento, pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios, á razão de 2$500 cada um.

§ 6º — Os pagamentos são feitos adiantadamente.

Art. 3º — A «Brazila Ligo Esperantista» não intervem nas questões que dizem respeito á vida interna dos grupos filiados, que podem livremente agir, segundo os seus estatutos,

Art. 4º — Os socios têm direito a:

a) Receber gratuitamente o «Brazila Esperantisto» orgam official da B. L. E.

b) Gosar de abatimento nos livros ou outros publicações feitas pela B. L. E.

1º — Os grupos filiados podem, gratuitamente, publicar no orgam official informações sobre o movimento esperantista local.

Art. 5º — A «Brazila Ligo Esperantista» reunir-se-á em sessões ordinarias de seis em seis mezes, nas quaes tomarão parte os membros da directoria, os socios isolados e os delegados dos grupos filiados.

§ 1º — Os membros da directoria e os socios isolados têm direito a um voto cada um.

§ 2º — Os delegados de grupo filiado têm direito a tantos votos quantas vezes a contribuição total do grupo contiver a quota annual de um socio isolado. Estes votos poderão ser accumulados por um delegado ou repartidos por dois ou mais.

Art. 6º — A «Brazila Ligo Esperantista» será dirigida por uma directoria composta de um presidente, um vice-presidente, um secretario geral, dois secretarios e um thesoureiro.

§ unico — A directoria será eleita durante os Congressos Brasileiros de Esperanto, ou em assembléa geral se houver um intervallo superior a dois annos entre dois Congressos.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

## ESTRARO de B. L. E.

*Honora prez* — D-ro Everardo Backheuser.
*Prezidanto* — Inĝ. A. Couto Fernandes.
*Vicprezidanto* — D-ro Venancio da Silva.
*Ĝenerala sek* — Inĝ. H. Motta Mendes.
*1ª sek* — S-ro Odillo Pinto.
*2ª sek* — F-ino Yrany Baggi de Araujo.
*Kasisto* — S-ro E. Felix Tribouillet.

———

## GRUPOJ ALIĜINTAJ AL "B. L. E."

1. BRAZILA KLUBO «ESPERANTO». (1906) Sidejo: *Praça 15 de Novembro, 101, Rio de Janeiro.*
2. ESPERANTO - KLUBO DE ARACAJU'. (1907). Sidejo: *Aracajú, Sergipe.*
3. VIRINA KLUBO. (1912) Sidejo: *Praça 15 de Novembro 101, Rio de Janeiro.*
4. GRUPO ESPERANTISTA «COUTO FERNANDES». (1914). Sidejo: *Rua Collares Moreira, 116. S. Luiz. Maranhão.*
5. NOVA SAMIDEANARO. (1919). *Rua Barão Rio Branco. Fortaleza. Ceará.*
6. ESPERANTISTA RONDETO «VERDA STELO». (1919). *São Bonifacio. Correio de Therezopolis. Sta Catharina.*
7. VERDA STELARO. (1920). *Rua Paysandu, 781. Pelotas. Rio Grande do Sul.*
8. LABORISTA ESPERANTISTA GRUPO. (1921). *Camerino, 16. Rio de Janeiro.*
9. ESPERANTA SOCIETO DE BAHIA (1922) *Laranjeiras, 11. S. Salvador. Bahia.*
10. GRUPO ESPERANTISTA DE S. PAULO (1922). *Assembléa, 76. S. Paulo.*
11. GREMIO ESPERANTISTA EVERARDO BACKHEUSER. (1923). *Sete Setembro, 116 - 1º Porto Alegre. Rio Grande do Sul.*
12. BRAZILA ESPERANTISTA KLUBO DE MEDICINO-STUDENTOJ. (1924). *Fakultato de Medicino. Praia Vermelha. Rio de Janeiro.*
13. POPULARA ASOCIO ESPERANTISTA. (1924) *Rua Coronel Seabra, 20. Moóca. S. Paulo.*

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

16-a Jaro — Numero 1-3

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Jarabono eksterlande Fr. 5
(Franca valoro)

Januaro-Marto 1925

REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO

## Komerco kaj Esperanto

*Laŭ la programo de la nova komerca kurso, baldaŭ malformota, de la tre grava* Asocio de Komercoficistoj en Rio de Janeiro, *Esperanto estos devige instruata al ĉiuj kursanoj. La direktoro de la kurso estas s-ro Augusto Setubal kaj instruos Esperanton s-ro Carlos Domingues.*

*Tiu asocio, kiu enhavas nun pli ol 24.000 anojn, estas tre simpatia al Esperanto de la komenco de ĝia propagando en Brazilio. La unua kurso malfermita de Brazila Klubo «Esperanto», la 28an de Aŭgusto de 1906, funkciis en la sidejo de tiu asocio.*

*Poste aliaj kursoj tie funkciis kaj ĝiaj estraroj ĉiam cedis senpage ĝian luksan salonon por solenaj kunsidoj kaj koncertoj dum la Brazilaj Kongresoj de Esperanto.*

*Tial la Asocio de Komercoficistoj en Rio de Janeiro devas esti rigardata kiel unu el la pionioj de la propagando de Esperanto en Brazilio.*

*Al ĝi niajn korajn dankojn!*

—

*Ankaŭ en S. Luiz, ĉefurbo de Ŝtato Maranhão, la Komercoficista Centro enmetis en la programon de sia komerca kurso la instruadon de la helpa lingvo Esperanto.*

## Radio kaj Esperanto

Dum la monato Aprilo okazis en Parizo la Unua Radio - Kongreso, en kies programo estas enmetita la demando pri internacia radio-lingvo.

Aliĝis al ĝi la jenaj brazilaj societoj: Radio Sociedade de Rio de Janeiro, Brazila Radio-Klubo kaj Radio-Klubo de Pernambuco.

Ilia delegito, s-ro Carlos Lacombe, ricevis instrukciojn por ke li voĉdonu por Esperanto.

—

La 28an de Marto s-ro A. Couto Fernandes malfermis kurson de Esperanto en la sidejo de Radio-Societo de Rio de Janeiro.

## INTERNACIAJ KONFERENCOJ

*Parizo. 14—15—17 Majo 1925*

Al la «Internacia Konferenco por la Uzado de Esperanto en la Sciencoj Puraj kaj Aplikitaj», okazonta en Parizo, dum la Majo proksima aliĝis: Societo de Geografio de Rio de Janeiro, Klubo de Inĝenieroj, Jura Fakultato de la Universitato de Rio de Janeiro, Societo de Medicino kaj Ĥirurgio, Brazila Historio kaj Geografia Instituto, Komerca Akademio de Rio de Janeiro, Societo de Terkulturo, Brazila Societo de Fiŝkulturo kaj Oceanografio, Brazila Gazetara Asocio, Fakultato de Filozofio, Brazila Instituto de Kontoscienco, Radio Societo de Rio de Janeiro, Brazila Botanika Asocio, Milita Pritaneo, Instituto de Militaj Docentoj kaj Brazila Akademio de Odontologio.

———

Al la «Internacia Konferenco por la Uzado de Esperanto en Komerco kaj Industrio», okazinta ankaŭ en Parizo, samtempe, jam aliĝis: Komerca Asocio de Rio de Janeiro, Federacio de la Brazilaj Komercaj Asocioj' Asocio de Komercoficisloj en Rio de Janeiro, Ligo de Komerco, Komerca Akademio de Rio de Janeiro kaj Brazila Instituto de Kontoscienco.

## AMO KAJ MALAMO

*(Raymundo Correia)*

Amo kaj malamo. Jen la du ĉiamaj
Miaj kunvivantoj. La animo mia
Kiam plena estis nur de revoj amaj,
«Morton havu!» — estis vortoj la tiamaj
De la dua. «Vivon!» — diris la alia.

Nun silentas ambaŭ. Se okaze iam
Mia kor' entenus ŝimon kaj malforton,
Ne noblegan sangon, puran, kiel ĉiam;
«Vivon!» — dirus ĝoje la Malamo tiam,
Sed la Am' en ĝemoj, plorsingultus: «Morton!».

27—Janeiro—25.

Tradukis
*Porto Carreiro Neto*

## MONUMENTO AL ZAMENHOF

La Organiza Komitato ricevis poŝtkarton de d-ro Robin el Varsovio, kiu skribas:

«Hodiaŭ (18—1—1925) estas por ni grava tago. La tuta Komitato kun la familio de Zamenhof veturis tombejon por akcepti la pretan bone transportitan kaj starigitan Monumenton. Detaloj sekvos aparte. Nun ricevu de ni ĉiuj gratulojn por la fina sukceso.

Kore via d-ro Robin,

kaj subskribas ĉiuj anoj de la Varsovia Komitato kaj Zamenhof-familianoj.»

Laŭ la decido ĉe la Kongreso la Organiza Komitato jam komencis la aranĝon de la Ora Libro, kiu enhavos la nomojn de ĉiuj mondonacintoj.

(El *«Heroldo de Esperanto»*).

## XVII Universala Kongreso de Esperanto

*Genevo — 3 7 Aŭgusto 1925*

**Loka Kongresa Komitato.** — La estraro de la Loka Kongresa Komitato (L. O. K.) konsistas el unu reprezentanto de la Internacia Centra Komitato (C. K.), D-ro Privat, unu de la komitato de UEA, S-ro Paul Bouvier, unu de Svisa Esperanta Societo, F-ino Alice Diekmann, unu de la Geneva grupo «Stelo», S-ro Rinaldo Borsa. Financa fako: S-ro Hans Jakob. Generala sekretario: S-ro Robert Kreuz.

**Kotizo** — La C. K. decidis fiksi unu solan kotizon por ĉiuj kongresanoj sen diferenco pri landoj. Ĝi estos 25 svisaj frankoj, sed organizitaj esperantistoj, kiuj regule kotizas al nia Universala Esperanto-Asocio, ricevos rabaton de 20 % kaj pagos nur 20 svisajn frankojn. Junuloj (malsuper 20 jaraj), membroj de UEA, pagos nur 15 svisajn frankojn. Frua aliĝo estas rekomendata por helpi la aranĝon.

### Provizora programo

Vendredon, 31 julio: Vespere malfermo de la Somera Universitato.

Sabaton, 1 aŭgusto: Prelegoj ĉe la Somera Universitato.

Dimanĉon, 2 aŭgusto: Matene Diservoj, posttagmeze K. R., vespere solena malfermo de la kongreso.

Lundon, 3 aŭgusto: Matene laborkunsido, posttagmeze ŝipekskurso sur Ĝeneva Lago.

Mardon, 4 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere balo.

Merkredon, 5 aŭgusto: Prelegoj, fakoj, vespere teatro.

Ĵaŭdon, 6 aŭgusto: Prelegoj, komitatoj, vespere teatro.

Vendredon, 7 aŭgusto: Matene fina laborkunsido.

Sabaton, 8 aŭgusto: Ekskurso al svisa montaro.

## S-ro Enrique Legrand

La 8an de Marto restis dum kelkaj horoj en nia haveno la vaporŝipo «Sierra Cordova», sur kiu veturis nia kara urugvaja samideano s-ro Enrique Legrand akompanata de sia familio. Komitato konsistanta el f-inoj Yrany Baggi de Araujo, Esther E. Bloomfield kaj s-roj A. Couto Fernandes, Carlos Domingues kaj Ismael Gomes Braga vizitis ilin surŝipe kaj prezentis la saluton de la brazila esperantistaro. Ĉar s-ro Legrand ne povis elŝipiĝi, li invitis la brazilajn geesperantistojn por tagmanĝi kun li kaj lia edzino.

S-ro Legrand akceptis plezure la taskon reprezenti la Brazilan Ligon Esperantistan ĉe la XVII Universala Kongreso de Esperanto.

Li ankaŭ reprezentos la Societon de Geografio de Rio de Janeiro kaj tiun Ligon ĉe la Internacia Konferenco por la Uzado de Esperanto en la Sciencoj puraj kaj aplikitaj.

Post la forveturo de «Sierra Cordova» la prezidanto de B. L. E. sendis al s-ro Legrand bonvojaĝan radio-telegramon, kiun li ĝentile respondis.

## NEKROLOGO

### PAŬLO v. MEDEM

La unuan de Januaro mortis Paŭlo v. Medem, membro de la Esperantista Akademio. Li devenas el Kovno-Viliampole kaj naskiĝis en la jaro 1862.

Li gvidis kaj organizis la tutan movadon en Litovujo. Al la litova esperantistaro ni sendas sinceran kondolencon!

### JOAQUIM DA ROCHA CERQUEIRA

La 8an de Januaro mortis tiu malnova ano de Brazila Klubo «Esperanto» kaj de Brazila Ligo Esperantista. Li estas patro de kvar ge-esperantistojn, tri fraŭlinojn, kies esperantaj tradukoj aperis en «Brazila Esperantisto», kaj unu knabon.

Al lia familio ni sendas korajn kondolencojn.

## Brazila Ligo Esperantista

Adheriram á B. L. E., durante o anno de 1924, 15 socios do *Brazila Klubo «Esperanto»*, 11 socias do «*Virina Klubo*», 14 socios do *Gremio Esperantista «Everardo Backheuser»*, o *Brazila Esperantista Klubo de Medicino-Studentoj*, do *Rio de Janeiro*, (6 socios), o *Populara Asocio Esperantista*, de *S. Paulo* (6 socios, a saber: Castorino Gomes de Carvalho, José Moreira de Souza, Thomaz d'Aquino Junior, Zwinglio Gomes de Carvalho, Benedicto Brânco de Araujo e José Maria Mendes d'Almeida); Miss Jane Hamand, dos *Estados Unidos*; professor Raphael de Souza Nogueira, de *Miracema* (Estado do Rio); Renato Fortuna Pessoa, Helio Çaracas, de *Guaramiranga* (Ceará); Miguel Moraes, de *Baturité* (Ceará); dr. Alvaro Augusto Domingues Gomes, do *Rio de Janeiro*, e Aleksandro Volobueff, de *S. Paulo*.

## Sudamerika Esperantista Federacio

En «Sudameriko», oficiala organo de *Urugvaja Esperanto-Societo* ni legis ke «tiu societo kaj la Brazila Ligo Esperantisto decidis la fondon de *Sudamerika Esperantista Federacio* kaj sekve la aranĝon de ĉiujaraj sudamerikaj kongresoj...».

Estis vera malkompreniĝo en tiu afero, ĉar Brazila Ligo Esperantista tute ne aprobis la ideon fondi tiun Federacion, sed nur la organizon de Sudamerika Kongreso de Esperanto, dum kiu oni diskutus, inter aliajn, la proponon de tiu Societo pri la starigo de Sudamerika Federacio.

## LA KAFO

(*Mario Rangel*)

En Brazilio, samkiel en Arabujo, la kafo estas ja nacia trinkaĵo. Se ne estus tiel, Brazilio donus malbonan ekzemplon al la ceteraj landoj pri kampokultura produkto, kies monopolo estas ĝia. Pro tio, la preparado, kiu tre similas la turkan modon, estas nacia specialaĵo. Oni trinkas kafon matene, ĝenerale kun lakto, de la norda ekstremaĵo ĝis la suda.

En la ĉefurboj de la plej gravaj Ŝtatoj la kafejoj estas dislokitaj ĉe la anguloj de preskaŭ ĉiuj centraj aŭ multe trapasitaj stratoj.

En Rio de Janeiro neniu rapidas eliri el kafejo. Tage aŭ nokte oni eniras nesenteble en la kafejon. Sed estas en la interno de la domo io, kio tuj atentigas la klienton: ĉu malnova konatulo, kiu ekaperas al ni, ĉu alia afero, kiu kaptas nin.

Malgraŭ tio, oni ne supozu, ke la kafejoj estas la respondantoj pri la konata nacia neĝustatempeco...

La kafejoj en la strato Ouvidor, en Avenida Rio Branco kaj iliaj ĉirkaŭaĵoj estas tage kaj nokte plenaj de virseksaj klientoj. La virinoj malofte eniras en kafejojn; ili preferas la konfitejojn kaj similajn lokojn.

Bonreputacia kafejo en Rio de Janeiro estas ĉiam normale ampleksa kaj enhavas sufiĉe da tabletoj kaj seĝoj ordigitaj laŭ simetriaj vicoj dekstre kaj maldekstre en la salono; estas nur la interspaco nepre necesa por permesi ilin atingi. Sur unu aŭ du tabletoj en ĉiu vico estas ĉiam metala plato kun ses tasoj kaj la sama nombro da kuleroj kaj sur ili estas unu malgranda sukerujo «higiena», tio estas, laŭ modelo aprobita de la Oficejo por Publika Sano. La kelneroj, en samaspektaj vestoj, estas atentaj. Eniras la kliento, preskaŭ ĉiam rapidema, serĉas per la okuloj la tablon, kiu al li plaĉas, evitante sisteme la plej proksimajn al la elirejo kaj preferante tiujn, kiuj estas metitaj ĉe la mezo de la salono; li sidiĝas kaj iu kelnero alportas tuj la fajencan tason kaj alia la laktujon kaj la kafujon, kiuj entenas lakton kaj kafon varmajn. La kliento devas diri tuje kiel li deziras la trinkaĵon, ĉu «simpla», «kun lakto», «laŭ angla modo», laŭ «*carioca*», modo aŭ «kafgutita lakto».

Ofte la kelnero kaj la kliento ne interkompreniĝas bone en tiu teknikologio; tio okazas protestojn de tiu-ĉi, ĉiam postulema pri la pretigo aŭ kombinado de sia kafo. Kiam la kliento ne estas tuj servita, li protestas kun

insisteco de soifanto kaj la kelnero, kiu alportas la tason, kriegas al la kafportisto: «Kafo, unua tablo maldekstre, aŭ kvina dekstre», laŭ la pozicio de la tablo de la rapidema postulanto.

Servita, la sinjoro kiu estis tiel senpacienca, trovas aron da motivoj por tie restadi, kie li estas, atendante iun aŭ neniun. La taso estas jam malplena, sed la kelnero aŭ lia «helpanto» nur post la ordono de la «monricevanto» ĝin reprenas. Tamen la klientaro ne rapidas foriri kaj malgraŭ la petegantaj rigardoj de la kafejadministranto kaj la klopodoj de la kelnero, kiu provas purigi la okupatan tablon kaj aranĝas la rilatajn malokupatajn seĝojn, por ke la kliento komprenu la aferon, la kliento restas senmove. Li pagas la kafon nur kiam li ekforiras kaj li nur ekforiras, kiam li ja volas. La kafejmastroj ne multe malŝatus la restadon de siaj klientoj, se ne estus la kutimo de la «carioca» ne sidiĝi ĉe la tabloj okupataj de alia, nekonatulo, kvankam al ĉiu el la tabloj respondas almenaŭ tri seĝoj.

La kafo havas en Brazilio grandan hejman kaj socian gravecon. En la hejmo de la malriĉulo povas manki pano, sed kafo ne mankas. En la hejmo de la riĉulo, ĝi estas la Aĥila kalkano de la kafpreparisto: se tiu-ĉi du sinsekvajn fojojn ne ĝin preparas laŭ la plaĉo de la gemastroj, li estas minacita en sia ofico. Samkiel en Oriento, la vizitanto ne foriras el la loko vizitata ne gustuminte tason da kafo; siaparte, li devas laŭdi la kvaliton kaj la bonan preparon, kiam la vizito estas familieca. Ĉe ni, tiu kutimo etendiĝas ĝis la altaj oficialaj regionoj. Kaj, laŭ rakontas S-ro Wilhelmo W. Ukers, pri kiu ni jam parolis aliloke, tiu kiu vizitas la Prezidanton de la Respubliko, ne eliras el la Palaco Cattete ne trinkinte tason de la bongusta oficiala kafo, kiun oni disdonas ankaŭ al la vizitantoj — kaj kiu havas siajn kutimajn klientojn — en la Senato kaj en la Ĉambro de la Deputitoj. Estas vere meritita tiu respekplena komplimento al la kafo, kiu liveradas la plej grandan parton de la riĉeco necesa al la civilizacio de Brazilio.

El la libro «O Café» (La Kafo) de *D-ro Augusto Ramos*, tradukis *Carlos Domingues.*

(Noto: Carioca (karioka) estas nomo donita al la personoj naskiĝintaj en Rio de Janeiro).

## La Deka Katolika Esp. Kongreso

okazos la 13—16 aŭgusto en Paris. Oni diskutos pri la temo: La katolika gazetaro en la mondo.

La Loka Organiza Komitato konsistas el: prez. pastro Duvaux, vicprez. pastro Ramboux, ĉefsekr. Prof. Muffang, kas. f-ino Dalaut kaj s-o R. Colas, membroj s-oj Delanoue, Herlemontaj kaj de Lajarte. Kongreskotizo 25 francaj frankoj.

## Esperanta Radikaro kun portugala traduko de A. Couto Fernandes

Alterações a serem feitas em virtude da publicação do «Oficiala Klasika Libro de Esperanto», editado pela «Akademia Sekcio por la Komerca Vortaro», cujo presidente é o Sr. Prof. E. Grosjean-Maupin.

ACCRESCENTAR

*aristokrati'*, aristocracia.
*demokrati'*, democracia.
*imperialist'*, imperialista.
*monarĥi'*, *arki'*, monarchia.
*numeral'*, numeral.
*plutokrat'*, plutocrata.
*politeist'*, polytheista.
*rojalism'*, realismo.
*zoolog'*, zoologo.

EXCLUIR

| | Pag. |
|---|---|
| *kaftan'*, caftan (tunica turca)........ | 34 |
| *rekivizici'*, requisição (mil.).......... | 64 |

SUBSTITUIR

| | |
|---|---|
| *akuŝ*, parir ...................... | 5 |
| *analog'*, analogia.................. | 6 |
| *etik'*, ethica ..................... | 21 |
| *farm'*, arrendar (tomar de renda).... | 22 |
| *fatal'*, fatal...................... | 22 |
| *gard'*, guardar, vigiar............. | 26 |
| *hal'*, mercado (local), alpendre, «hall» | 28 |
| *kajut'*, camarote (de navio)......... | 34 |
| *koler'*, estar encolerizado........... | 38 |
| *kramp'*, gancho, grampo, parenthesis | 42 |
| *logaritm'*, logarithmo.............. | 46 |
| *obstrukc'*, obstrucção, entupimento... | 54 |
| *parodi'*, parodia................... | 56 |
| *potenc'*, potencia, poder ........... | 60 |
| *praktik'*, pratica (sub.)............ | 60 |
| *preter*, alem de, além, ao lado de.... | 61 |
| *prunt'*, dar ou tomar por emprestimo | 62 |
| *rond'*, circulo, roda............... | 66 |
| *rukt'*, arroto...................... | 66 |
| *teknik'*, technica .................. | 75 |
| *tinktur'*, tinctura.................. | 76 |
| *urin'*, urinar ..................... | 79 |
| *vil'*, hirsuto ...................... | 81 |

## Internacia Centra Komitato

La Internacia Centra Komitato (C. K.) elektis kiel Konstantan Ĝeneralan Kongres-sekretarion S-ron Robert Kreuz kaj kiel vojaĝantan propagandan sekretarion S-ron Andreo Ĉe, ambaŭ talentaj kaj tre sindonaj samideanoj, kiuj bonvolis akcepti tiun helpan taskon al C. K. por antaŭenpuŝi nian aferon.

## La sistemo de D-ro Zamenhof pri landnomoj

Tie ĉi mi deziras simple klarigi por tiuj, kiuj ĝin ne bone komprenis, la sistemon de nia Majstro pri la landnomoj :

1e. Koncerne la landojn de la Malnova Mondo (Eŭropo, Azio), la «indiĝena» popolo donas sian nomon al la lando : Germano, Germanujo ; Ĉeĥo, Ĉeĥujo+Slovako, Slovakujo ; kunmetitaj : Ĉeĥoslovakujo, k. t. p.

Tamen la landnomojn, kiuj finiĝas per ...lando, D-ro Zamenhof konservas senŝanĝe : Holando (regnano : Holandano) (1).

2e. Koncerne la landojn de la Nova Mondo (Ameriko, Afriko, Aŭstralio), kie la «enmigrantoj» fakte malaperigis la indiĝenan popolon, li alprenas la nomon mem de la lando, esperantigante ĝin : Peruo (Peruano), Maroko (Marokano), k. t. p.

3e. Koncerne la nomojn de la provincoj, la provincan nomon mem de la lando, esperantigante ĝin kiam eble.

Ĉu ne klara, ĉu anarkia tia sistemo ? Ne!

«Neniu sistemo (pri la landnomoj), skribis prof. Grosjean-Maupin, la akademia raportinto pri la demando (1922), estas plene rekomendinda el *teoria* vidpunkto ; pro tiu ĉi motivo ni devas konsideri nur la *praktikan* vidpunkton, el kiu la fideleco al la ĝisnuna tradicio (la Zamenhofa) estas pli sendanĝera ol ia ajn provo.» (2).

Th. CART,
*Prezidanto de la L. K.*

———

(1) Skotujo (Skoto). Fin(n)ujo (Fin(n)o) estas cetere korektaj formoj, sed malpli ofte uzataj ol Skotlando, k. t. p.

(2) Raporto aprobita de la Akademio kaj de Lingva Komitato (Nov. 1922).

## Alvoko al ĉiuj amikoj de Esperanto

La Centra Komitato jam funkciis dum pli ol unu jaro, kaj sukcesis, malgraŭ siaj malfortaj rimedoj, reprezenti la Esperantan movadon antaŭ registaroj, la Ligo de Nacioj kaj gravaj internaciaj organizoj laŭ maniero ĝis ĝia kreo tute ne ebla. Ĝi ankaŭ organizis konferencojn kaj faris aliajn gravajn laborojn por Esperanto. Ĝi subtenis per mono la lingvajn instituciojn. Gia unua bilanco prezentita al la Kongreso de Esperanto en Vieno montris por la unua fojo la manieron laŭ kiu la mono kolektita de la Esperantopopolo por internacia propagando estas uzita. La kaso estas tre ekonomie administrata. Ĝi ne elspezas ion por lupago de oficejo kaj nur malgrandan sumon por helpantoj.

En la nuna tempo la mono ricevita de UEA kaj la naciaj societoj estas tute ne sufiĉa por la gravaj postuloj de la laboro kiŝinta antaŭ la Komitato.

La posedo de 10.000 svisaj frankoj donus al C. K. sufiĉe fortan pozicion por entrepreni gravan propagandon.

Amikoj de Esperanto en ĉiuj landoj estas urĝe petataj sendi mondonacon al la estro de l'financa fako.

*W. M. Page,*
31, Queen Street, Edinburgh.

## Hospitaloj

(De *Vianna de Carvalho*)

Kaŭzis kompaton la rigardado al tiuj rangoj da litoj simetrie aranĝitaj en la salonoj de l'malsanuloj. En preskaŭ ĉiuj litoj estas maldikaj estaĵoj, organismoj konsumitaj de l'ftizo, malgrasegaj vizaĝoj atendantaj la lastan kison de l'morto.

La malfavoro de l'sorto estis ĵetinta tien la viktimojn de l'mizero kaj la pereintojn en la vivado.

Ili venis el stratetoj senlumaj, el ruiniĝintaj domaĉoj, el polvoplenaj fabrikejoj, persekutitaj de neeldirebla malfeliĉego. Ĉiu el ili havas sian historion plenegan de rezignoj, humiligoj kaj malespero toleritaj en silentado aŭ elverŝitaj en senutilaj blasfemoj. Junuloj kaj maljunuloj, en la sama kondiĉo de venkitoj de l'doloro, atendas la horon de la liberiĝo.

Ĉi tiuj ekvidetas lumerojn de espero, rekondukontajn ilin al la ĝojo de la laboro ; tiuj sonĝadas pri reveno al la hejmoj de siaj amataj familioj ; aliaj, en febra deliro, la brakojn etendas al sonĝvidaĵo de l'forestantaj infanoj...

Sed kiel malmultaj ricevos la forton de l'saneco !

La plimulto estos portata en la grundon de l' tombejoj. Sajnas, ke la nepardonema faĉistino gardiradas nevideble tra la longaj koridoroj de l' domego dediĉita al la funebro, al la malĝojo kaj al larmoj de nekonataj kompatuloj...

* * *

... Kiam mi troviĝis ekstere, en la admirinda ĉarmo de l'mateno vestinta per beleco kaj forto la tutan naturon, mi demandis min mem : kial oni ne aranĝas hospitalojn ankaŭ por akcepti la malsanulojn de l'animo, la mortigantojn de l'fremda bonfamo, la epilepsiulojn de l'envio, de l' ĵaluzo kaj de la krimaj ambicioj ?

Kial ?

*El portugala lingvo tradukis I. G. B.*

(El «*Heroldo de Esperanto*»).

## Urugvaja kroniko

Kiel monata organo de *Urugvaja Esperanto-Societo* aperis ĵurnalo nomata «Sudameriko», kies direktoroj estas s-roj Emilio Camballa kaj Santiago Gomis kaj administranto s-ro Rodolfo Garcia.

La 24an de Januaro tiu societo elektis sian novan estraron, kiu konsistas el la jenaj personoj : Prez. — Frederico Morador Smith, vicprez. — Emilio Cambralla, sek. — Alberto De Biagi, vicsek. — Pedro Mestre, kas. — Rodolfo Garcia, vickas. — José Fabruccini, bibl. — Andrés di Landro kaj kalkulisto — Pedro Casas.

Funkcias kursoj de Esperanto gvidataj de s-roj Gomis kaj A. de Biagi.

## Ĉilio

La 5an de Februaro alvenis al *Santiago*, ĉefurbo de Ĉilio la angla esperantisto s-ro Raven Hart, kiu estas salutita de la «Junulara Esperantista Societo».

S-ro Hart, kiu estas radio-inĝeniero, jam vizitis nian ĉefurbon kaj loĝis dum kelkaj monatoj en Buenos Aires.

Certe li efike kunlaboros kun la ĉiliaj samideanoj por la disvastigado de Esperanto en la tuta lando, kie li restados almenaŭ unu jaron.

## Argentina Radio- Revuo por Esperanto

Amatora «Radio Revista» en Buenos Aires, kies ĉefredaktoro estas s-ro Ignacio M. Gomez, (strato Lavalle 1268) enhavas en ĉiu numero esperantan kurson kaj ofte interesajn artikolojn pri Esperanto. S-ro Enrique L. Repto, kiu partoprenos la Internacian Radio-Kongreson en Paris kiel argentina delegito, estas favora al Esperanto.

## KRONIKO

MARANHÃO. — *S. Luiz.* La 24an de Marto s-ro Domingos Perdigão, prezidanto de *Grupo Esperantista Couto Fernandes*, faris, ĉe la sidejo de «Centro Caixeiral», paroladon pri Esperanto kaj anoncis kurson de tiu helpa lingvo tie malfermotan en la proksima Aprilo. La kurso estas entenata en la programo de la Komerca Lernejo subtenata de «Centro Caixeiral».Ĝin direktos s-roj D. Perdigão kaj José de Alencar Pereira de Castro. La ĵurnalo «Diario de S. Luiz» publikigis longan artikolon, kiu finiĝas per la jenaj vortoj : «Aŭdinte la utilan paroladon de s-ro D. Perdigão, ni konvinkiĝis ke ĝis la fino de la nuna jaro Esperanto estos necesaĵo en ĉiuj lernejoj de nia lando.»

CEARA'. — *Fortaleza.* Funkcias du kursoj de Esperanto gvidataj de s-roj Joaquim Bessa kaj Joel Linhares.

BAHIA. — *S. Salvador.* Aperis «Bahia Esperantisto», revuo de literaturo, humorismo kaj propagando. Ni ricevis nur la unuan numeron, kiu eliris en Oktobro.

— D-ro Arsenio Moreira da Silva translokiĝis al Santa Ignez.

S. PAULO. — *S. Paulo.* S-ro Castorino Gomes de Carvalho, sekretario de «Populara Asocio Esperantista» sciigis nin ke nia ĵafero progresas en la ĉefurbo.

RIO GRANDE DO SUL. — *Porto Alegre.* En la sidejo de «Gremio Esperantista Everardo Backheuser» s-ro generalo Feliciano Domingues malfermis novan kurson.

Aperis artikoloj pri Esperanto en la ĵurnaloj «Correio do Povo», «O Republicano», «A Liberdade», «O Ferroviario», kaj «A Thesoura».

Edziĝis kun f-ino Dyonisia Azulary la fervora esperantisto s-ro Augusto Gonçalves de Castro. La geedzoj translokiĝis al Coritiba, ĉefurbo de Ŝtato Paraná.

MINAS GERAES. — *Bello Horizonte.* La filatelia ĵurnalo «O Sello» (str. Goyay 74) publikigis artikolon pri Esperanto.

RIO DE JANEIRO. De la Ministerio de Terkulturo, Industrio kaj Komerco ricevis la Komerca Asocio de Rio de Janeiro oficialan leteron pri la Dua Internacia Kongreso de Sukerspertistoj, okazonta en Honolulu, dum la proksima Novembro.

En ĝi la Ministerio sciigas ke, laŭ decido de la antaŭa kongreso, Esperanto estos uzata kiel oficiala lingvo.

Estas nomita direktoro de la kabineto de l' Ministro de l' Internaj Aferoj nia klera samideano d-ro J. B. de Mello e Souza, delegito de B. L. E. ĉe K. R.

«Brasil Social», duonmonata ilustrita revuo, publikigis longan artikolon de d-ro Carlos Domingues titolitan «Um paladino» dediĉitan al s-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de B. L. E. Gi aperigis ties portreton.

— La 17an de Marto okazis la inaŭguro de nova kurso de Esperanto, kiu funkcias dufojojn ĉiusemajne en la sidejo de Brazila Klubo Esperanto. Ĝin direktas f-ino Esther Bloomfield.

— «A Noite» aperigis la portreton de s-ino Klara Zamenhof kaj artikolon.

— La ĵurnaloj «Jornal do Commercio», «A Noite», «O Paiz», «O Jornal», «Jornal do Brasil» kaj «A Patria» aperigis sciigojn pri la progresoj de Esperanto.

— La semajna ilustrita revuo «Careta» publikigis artikolon pri «Esperanto kaj la nekonataj literaturoj».

— La katolika ĵurnalo «A Cruz» aperigis noteton pri «La katolikoj kaj Esperanto».

A. C. F.

# PELO ESTRANGEIRO

## O ESPERANTO NAS ESCOLAS

Em Chemnitz, Allemanha, desde 1921, ensina-se o Esperanto de accôrdo com um methodo proprio, aos meninos de 10 a 14 annos, alumnos das escolas publicas. O numero dos participantes, em 1924, foi de 364.

Na Escola Normal de Bucaresti, Rumania, começou um curso de Esperanto, obrigatorio para as classes superiores.

Em Genova, como no anno passado, a communa subvencionou, este anno, com 1 000 liras, um curso «obrigatorio» de Esperanto, na escola nocturna commercial; o professor é o vice-delegado de UEA, Sr. A. Schmuckher.

Por decreto do ministerio de religião e instrucção, da Hungria, será ensinado o Esperanto em todas as escolas médias, no anno lectivo 1924-25. Professores são escolhidos pela Sociedade Hungara de Esperanto. Até Janeiro pp. havia cursos em 7 escolas, frequentados por alumnos que se inscreveram espontaneamente, e um curso para professores, na Academia de Commercio de Budapest.

Na sessão mensal da «Germana Esp. Asocio», de 20 de Janeiro pp., fallou o director de collegio Hahn, sobre o Esperanto e as escolas. Segundo uma experiencia de 16 annos, disse que este idioma não só não é uma sobrecarga para os alumnos, como tambem, pelo contrario, que elle traz melhores conhecimentos das cousas, e grande comprehensão da propria lingua patria. Demonstrou-o com provas palpaveis, mostrando documentos, que trazia comsigo, o que mereceu muitos applausos da assistencia.

Em Malakoff, suburbio de Paris, a escola publica introduziu o Esperanto officialmente. Fez um discurso o professor do Lyceu, além de outros. O professor apresentou interessantes argumentos pro-Esperanto e contra o latim, usando a conhecida phrase, que não póde ser dita neste ultimo idioma passado: «M tto o lenço no bolso da calça». Presentes estavam inglezes, hollandezes, hungaros e turcos, que provaram assim os bons prestimos do Esperanto, como lingua internacional.

Em Magdeburgo inscreveram-se nos cursos de Esperanto, a realizarem-se durante o corrente anno, 1.400 crianças. A' vista d'isso, a Municipalidade resolveu abrir dois cursos para 60 professores, sob a direcção dos professores Wottrich e Rockmann.

## O ESPERANTO NA SCIENCIA

A Associação Scientifica Esperantista está organizando uma Conferencia Internacional, afim de adoptar o Esperanto nos circulos scientificos e technicos. Essa Conferencia terá logar em Maio proximo, em Paris. O programma versa sobre os resultados colhidos desde 1906 pelas sociedades esperantistas nesses ramos; intensificação dessa campanha, meios de facilitar a incorporação do Esperanto nos estudos scientificos, sua adopção pelos homens de sciencia e technicos; publicação dum periodico «Scienca Revuo», etc. A adhesão é gratuita, mas a Commissão acceita qualquer donativo. O presidente de honra é o general Sebert, membro da Academia Franceza de Sciencias. O presidente é o Sr. Rollet de L'Isle, engenheiro geral hydrographico da Marinha Franceza.

Fazem parte da commissão de patronos, a ASSOCIAÇÃO FRANCEZA PARA O PROGRESSO DAS SCIENCIAS, a ASSOCIAÇÃO GERAL DOS ENGENHEIROS DOS TRABALHOS PUBLICOS DO ESTADO, a SOCIEDADE DE ANIMAÇÃO A' INDUSTRIA NACIONAL, e, entre outras, as seguintes pessôas de renome universal: *M. M. Appell*, reitor da Universidade de Paris; *Ernest Archdeacon, Daniel Berthelot*, presidente da Sociedade Franceza de Physica; *Painlevé*, presidente da Camara dos Deputados; *Bigourdan*, director da Secretaria Internacional da Hora; *Broca*, presidente da Sociedade Franceza dos Electricistas; *Charles Richet, Cotton* e *Desgrez*, professores da Universidade de Paris; *Guillaume*, director da Secretaria Internacional de Pesos e Medidas; *Janet*, director do Laborarorio Central de Electricidade; *Lallemand*, inspector geral das Minas e director do Serviço de Nivelamento Geral da França; *Mesnager*, inspector geral das Pontes e Calçadas; *dr. Roux*, director do Instituto Pasteur; *General Sebert, Louis Lumière* e *vice-almirante Fournier*, membros da Academia das Sciencias; *Gaumont, Henri Farman* e *Michelin*, industriaes.

O Circulo Academico Esperantista de Varsovia, Polonia, fundou seminarios de Esperanto, cujo fim é esperantizar os livros de maior valor de sciencia polaca. Começou o trabalho pela traducção de livros de mathematicas e sciencias naturaes. Projectam-se grupos de direito, litteratura, etc.

A casa editora dum dos mais lidos jornaes de Bucaresti, «Universul», começou a publicar um curso de Esperanto na sua revista scientifica-popular, «Gazeta de sciencias e viagens».

Na sessão da Academia Imperial de Scientistas, de Tokio, realizada a 12—12—24, tomaram parte 33 membros, para tratar da questão da lingua auxiliar inter

nacional. Nomeada uma commissão de cinco doutores: J. Sakuraj, chimico; K. Anozuke, jurista; M. Amezaki, philosopho; K. Nakamura, meteorologo (um dos mais antigos esperantistas do Japão) e R. Koganei, anatomista, foi resolvida a adopção do Esperanto.

### 17º CONGRESSO UNIVERSAL DE ESPERANTO, EM GENEBRA

De 3 a 7 de Agosto proximo, se realizará o nosso 17º Congresso Universal. Um dos numeros mais interessantes, e mesmo original. é a «Universidade de verão», em Esperanto. De 1 a 7 de Agosto se farão cursos, em Esperanto, de Direito Internacional, philosophia, philologia, historia do Esperanto, pedagogia e psycho-analyse. Destas duas ultimas materias, foram encarregados os afamados psychologos Prof. Pierre Bovet e Charles Baudoin, que falam fluentemente o Esperanto.

### O ESPERANTO NA CAMARA DOS DEPUTADOS DE BERLIM

A 8 de Janeiro deste anno, o «Esperanta Grupparo» de Berlim, promoveu uma sessão de propaganda do Esperanto na Camara dos Deputados, para a qual foram convidadas todas as pessôas officiaes, ministerios, magistrados, instituições bancarias e industriaes, a imprensa e muitas outras associações. Muitas dessas instituições se fizeram representar, assim como os ministerios da Viação e da Instrucção. O Dr. Kliemke, que ora faz um curso pelo Radio, fallou sobre «O problema da lingua mundial»; o Sr. Behrendt, director dos telegraphos, sobre: «Precisa a technica uma lingua universal?»; o conselheiro de embaixada, Richter, sobre: «A significação da lingua mundial para o consulado»; o sr. Fitze, jornalista, sobre: «Experiencias por meio do Esperanto» (Radio); o advogado, Dr. Liebeck, sobre: «A facilidade do estudo do Esperanto». A imprensa noticiou largamente a respeito.

### O PRESIDENTE DA ESTONIA E O ESPERANTO

O Sr. Jackson, presidente da Republica da Estonia, numa entrevista com o jornalista Vadim Anofrijev, desejou successo na disseminação do Esperanto e prometteu entrar em conhecimento com a acta do Secretario da Liga das Nações, a respeito do idioma internacional.

### GAZETAS E EMPRESAS FAVORAVEIS AO ESPERANTO

As conhecidas companhias AEG-Deutschs Werke e Mitteleuropaeisches Reisebueroe (Escriptorio de viagens pela Europa Central) adheriram á «Universala Esperanto Asocio» e encommendaram annuncios no «Esperanto», no annuario da UEA e no «Heroldo de Esperanto».

Os artigos favoraveis insertos no «Berliner Boersen-Courier», jornal de financeiros, fez resolver o Disconto-Gesellschaft recommendar o estudo do Esperanto aos seus empregados. O «Berliner Boersen-Courier» publicou 16 photographias sobre o movimento esperantista, com retratos do Dr. Zamenhof e dos vultos eminentes do «Esperantolando». Todas as semanas, agora, ha um artigo pro-Esperanto naquelle jornal.

A Associação de Caixas Economicas e Bancos, de Budapest, e a Sociedade de Empregados em Bancos, na mesma cidade, annunciaram um curso de Esperanto para os seus empregados. Ha um curso official na Sociedade de Empregados Particulares, naquella cidade. Tambem as Camaras de Commercio adheriram ás resoluções da Conferencia de Veneza, para a Lingua Auxiliar, em que se propoz o Esperanto no commercio. A Camara de Commercio de Budapest usa o Esperanto na sua correspondencia internacional e põe á disposição do Esperanto, desde 1918, um logar gratuito na Feira Internacional Commercial de Amostras, de Budapest.

### ESPERANTO-RADIO

O Radio tem ultimamente adoptado, segundo noticias que «Brazila Esperantisto» tem dado, o Esperanto como sua lingua de communicação universal. Varias noticias nos vêm nos jornaes esperantistas sobre cursos, conferencias, etc., de todos os pontos da Europa e America. Temos a accrescentar, agora, como mais interessante, a permissão que obteve o Club Esperantista de Bregi-Koprivnica, Jugoslavia, para installar um apparelho transmissor em sua séde.

### VERSÃO DO ESPERANTO PARA O FRANCEZ

O jornal parisiense «L'Ere Nouvelle» começou, a 7 de Janeiro pp., em folhetim, a publicação da traducção para o francez, do romance de original esperanto «Ĉu li?» do Dr. Vallienne. Esta obra é volumosa, com cerca de 500 paginas, e, por isso, a sua publicação em francez, se calcula em meio anno. Faz a traducção o Sr. E. Archdeacon, que é um dos patronos da Conferencia Internacional para o uso do Esperanto nas sciencias, a que nos referimos acima.

P. C. N.

## SUDAMERIKO

Em artigo publicado na revista «Sudameriko», nº 1 do corrente anno, escreve o Sr. Santiago Gomis que «una ola de excepticismo invadió a la familia social Sud-Americana e fueron debilitandose las fuerzas de los pocos que dirigieran los movimentos, hasta llegar a quedar dormido todo.»

Não sabemos ao certo o que de verdade possa haver nos conceitos do nosso samideano com relação aos outros paizes da America do Sul.

Quanto ao Brasil, porém, podemos affirmar que ha evidente equivoco do autor do artigo.

Em nosso paiz jamais cessou a propaganda do Esperanto.

E os fructos do trabalho intenso dos esperantistas brasileiros ahi estão claramente manifestados na adhesão de pessôas eminentes, no exito dos nossos congressos, no apoio, tantas vezes reiterado, das autoridades publicas.

A opinião do samideano Gomis deve ser exclusivamente pessoal.

Nenhuma duvida temos de que com ella não concordam outros samideanos do Uruguay, que melhor nos conhecem e nos fazem justiça.

E o proprio samideano Gomis pensaria naturalmente de outra forma se tivesse lido o que, a respeito do Brasil, disse o illustre esperantista uruguayo e nosso bom amigo, Sr. Enrique Legrand, em seu discurso pronunciado no Ateneo de Montevidéo, em 1º de Dezembro de 1921.

Se ler agora as palavras do Sr. Legrand, o Sr. Gomis verá que não foi justo para com os esperantistas brasileiros, e modificará, portanto, o seu conceito.

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas:

TRIA DANZIGA INTERNACIA FOIRO. Dupaĝa dukolora prospekto en Esperanto.

LEIPZIGA FOIRO. Kvarpaĝa prospekto en Esperanto. Granda kvinkolora urboplano kun esperantaj informoj. Glumarko en blua kaj orbronza koloroj. Petu ilin al «Messamt für die Mustermessen in Leipzig».

INTERNACIA ESPERANTA LUDKARTARO. (Kartoj kun geografiaj, etnografiaj kaj heraldaj emblemoj, kun ludregularo). *I. E. L. kartcentrejo, Budapest, Hungarujo*, Poŝto 112, kesto 11. 54 kartoj. Prezo, kun rekomenda poŝtsendo: simpla: 4 sv. fr.; luksa: 5 sv. fr. (rabato ĉe opa mendo).

OFICIALA KLASIKA LIBRO DE ESPERANTO. Franca, angla kaj germana parto. Kolekto de la Akademio. E. Grosjean-Maupin. Entenas: Klariga noto; Deklaracio pri Esperantismo; Konsiloj pri novaj vortoj; Plena Gramatiko; Noto pri Regulo 15; Listo de radikoj, kun tradukoj angla, franca, germana; Listo de radikoj sen traduko, sed ĝenerale internacie kompreneblaj; Esperanta difino de radikoj, kiuj ne troviĝas en la vortaro de Kabe; Rimarkoj pri diversaj vortoj, kiujn, la francoj, angloj, aŭ germanoj respektive povas erare kompreni; Listo de ĉefaj landnomoj, provincoj, urboj). Eldonita de «Esperantista Centra Librejo». *51, rue de Clichy. Paris 9e. Francujo.* Prezo: 2$500.

LA URBESTRO DE ZALAMEA, dramo en tri aktoj de *Calderón de la Barca*. El la hispana lingvo tradukis *Enrique Legrand*, honora prezidanto de la Urugvaja Esperanto-Societo. Ĉiu brazila esperantisto devas ĝin legi. Eldonita de Esperanta Presejo de Botella Hermanos. *Strato 25 de Mayo, 734, Montevideo. Urugvajo.* Prezo: 2 sv. fr. aŭ 3$500.

ANTVERPEN, *la metropolo de la Flandra arto.* Bela ilustrita gvidlibro. Petu ĝin de la *Urba Propaganda Informservo. Antverpen. Belgujo.*

OOMOTO. La nova spirita movado. Fremdlanden—Propaganda Oficejo. *Ajabe. Japanlando.*

STRUIKELBLOKJES, de s-ro H. C. Mees. Gi konsistas el artikoloj aperintaj en nederlanda esperanta gazeto responde al lingvaj demandoj al esperantistoj, kiuj trovis malfacilaĵojn, tradukante en Esperanton. Eldonejo: N. O. Centrale Esperanto-Boekhandel. *Bankastraat 2—2ª. 's Gravenhage—Nederlando.* Prezo: G. 0.50.

KATALOGO de Eldonejo «Esperantista Voĉo», kies posedanto estas: s-ro Salo Grenkamp-Kornfeld. *Jaslo. Pollando.*

ESPERANTO-KATALOGO. Nro. 9. 1 Novembro 1924. Sudgermana Esperanto - Eldonejo Oskar Ziegler. *Deisenhofen bei München. Germanujo.*

BULGARA ANTOLOGIO (prozo kaj poezio). Kunmetis Ivan H. Kristanov, kun antaŭparolo de At. D. Atanasov. Bulgara Esperanto-Biblioteko. II Serio, nº 5-6. Redakcio: *Pridop. Bulgarujo.* Rekomendinda. Prezo: 5 sv. fr.

## Esperanta Gazetaro

HEROLDO DE ESPERANTO. (Malnova titolo «Esperanto Triumfonta»). Neŭtrala organo de la Esperanto-movado. Aperas dufoje en la semajno. Administracio: *Horrem bei Köln, Germanujo.* Ĉefredaktoro: Teo Jung. Agentejo en Rio de Janeiro: Brazila Ligo Esperantista. Abono ĉe semajna ekspedo (du numeroj): po numero 250 rs.

ANONCA BULTENO DE FERDINAND HIRT & SOHN. Esperanto-Fako. *Leipzig. Salomonstr. 15. Germanujo.* Aldono al «Esperanto».

SUDAMERIKO. Oficiala organo de la Urugvaja Esperanto-Societo. Aperas monate. Redakcio: *Calle Rio Branco, 1.341, Montevideo, Urugvajo.*

SCIENCA BULTENO. Oficiala organo de la Internacia Scienca Asocio Esperantista kaj de ĝia Sekcio de la Teknikaj Vortaroj. Aperas ĉiudumonate kiel aldono al «Esperanto».Red.: *S-ro Rollet de L'Isle, 35, Rue du Sommerard, Paris 5-e, Francujo.*

EKONOMIA KURIERO. Komerca kaj ekonomia gazeto internacia. Senpaga monata aldono al «Esperanto». Redakcio: *12, Boulevard du Théâtre. Genève (Svislando).* Redaktoro: *Robert Kreuz.*

NOVA STELO. Organo de l' Gejunulara Esperanto-Ligo en Bulgarujo. Redakcio: *str. Haĝi Dimitrova 19, Karlovo, Bulgarujo.*

REKLAMO Internacia, Esperanta, komerca reklamĵurnalo. Kun komerc-industriaj informoj kaj konstanta rubriko de firmoj uzantaj Esperanton. Aperas monate. Ricevebla kontraŭ pago nur de la poŝtelspezoj. 1 sv. fr. aŭ egalvaloro por la tuta jaro. Foiro kaj komercaj ĉambroj ricevas ĝin senpage. Redaktejo: *VI Georgiev, str. Skobeleva nº 38, Rusĉuk, Bulgarujo.*

BULTENO. Monata eldono de la Antverpena Poresperanta Propaganda Komitato.

Redaktejo : *Boomsche Steenweg, 444, Antverpeno, Belgujo.* Jarabono : 4 fr.

BAHIA ESPERANTISTO. Revuo de literaturo, humorismo kaj propagando. Redaktejo : S-ro Luiz Rogerio de Souza. *Larangeiras, 11, Bahia, Brazilio.* Jarabono : 8$000.

SENNACIULO. Oficiala organo de Sennacieca Asocio Tutmonda. Esperanto je la servo de l' Tutmonda Proletaro. Aperas semajne. Redaktoro : N. Barthelmess. *Colmstrasse 1. Leipzig. Stötteritz. Germanujo.* Jarabono : Brazilio : 13$000.

LA ORA EPOKO. Ĵurnalo bazita je fakto, espero kaj konvinko. Administrejo : *Landstrasse 277, Rieden bei Baden, Aargan, Svisujo.* Jarabono : 6 sv. frankoj.

## Bulgara Esperantista Komerca Agentejo

Fondiĝis nova komerca agentejo en *Sofia, Bulgarujo* (*Strato Neofit Rilski 30*) sub la direkto de s-ro Simeon Bardaroff. Kiam vi deziros aĉeti aŭ vendi ian ajn objekton el aŭ por Bulgarujo turnu vin al li kaj postulu kontraŭ respondkuponoj aŭ bulgaraj poŝtmarkoj aŭ mono prezinformojn.

## ESPERANTO-SERVO

České Budejovice, Ĉeĥoslovakujo (Eŭropo). Dum januaro 1925 fondiĝis ĉi tie oficejo «Esperanto-Servo», kiu informas senpage ĉiun Esperantiston pri komercaj, industriaj, socialaj, laboristaj kaj aliaj sciindaj demandoj, prizorgos Esp. librojn de tutmonda literaturo, Esp. gazetojn k. t. p. Krom tio ĝi klopodas vigligi la transoceanan negocon kiel eksporton tiel aĉkaŭ importon de ĉiuspecaj varoj kaj fabrikaĵoj. Gvidanto : Sro. Ios. Ploss. La priservado estos efektivigata ĉiam ĝuste, ekzakte kaj senprokraste.

## Calderón de la Barca

## La Urbestro de Zalamea

### Dramo en tri aktoj

El la hispana lingvo tradukis

ENRIQUE LEGRAND

Prezo : 3$500 (2 sv. fr.).

Aĉetebla ĉe : Papelaria Confiança, Andradas, 71. *Rio de Janeiro*

## HEROLDO DE ESPERANTO

*1925*

Al la esperantistaro
Feliĉon en la nova jaro !
Ĝi prosperu
Kaj esperu,
Ke fine venos la granda tago,
En kiu flirtas la verda flago
Tra la tuta mondo :
Sur ĉiu ŝipo sur ondo,
En ĉiu loko de l' tero
Kiel signo de l' vero !
Kaj kiel ekstera ligilo
Kun larĝe etendita flugilo
Super ĉio ŝvebu «*Heroldo de Esperanto*», — kaj la soldo —
Kiel fundamenta ŝtono —
Fluu por la abono !

*Zanoni*

(El «*Heroldo de Esperanto*»).

Abonu ĝin pere de BRAZILA LIGO ESPERANTISTA.

Ĉiu numero : 250 rs.



## Tarifo por anoncoj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 1 | Paĝo ........... | 50 Fr. | francaj. | 30$000 |
| 1/2 | » ........... | 30 » | » | 18$000 |
| 1/4 | » ........... | 16 » | » | 10$000 |
| 1/8 | » ........... | 10 » | » | 6$000 |
| 1/16 | » ........... | 5 » | » | 3$000 |

Rabatoj : 2 enpresoj 5 %, 3 enpreso 10 %, 6 enpresoj 20 %.

Procento al la anonckolektantoj 10 %.

Off. da Pap. Confiança — Andradas, 71